DIMANĈO 12 AŬGUSTO 1906. Unu Numero : 10 CENTIMOJ DUA JARO. — N° 22.

# ★ ESPERANTO ★

## ·ESPERANTO-JOURNAL· & ·REVUE DE L'ESPERANTO·


Sendu ĉiun korespondajon rilatan al Administrado al :
**Administration de Esperanto-Journal**
GENÈVE (Svisl.) & BELLEGARDE (Ain, Francl.)

**ABONOJ**
24 sinsekvaj numeroj. Franc- & Svislando : **3** fr. Aliaj landoj : **3** fr. **75**
Luksa Eldono : 12 numeroj. **4** fr.

L'Administrantaro de l'jurnalo lasas al ĉiu aŭtoro de artikolo la respondecon de lia skribajo.

La jurnalo prenas sur sin nenian respondecon pri la anoncoj.

**OPAJ ABONOJ**
Nepre rezervataj por la Grupoj

| 10 sinsekvaj numeroj | 24 sinsekvaj numeroj |
|---|---|
| 10 Kopioj fr. **10** | 10 Kopioj fr. **24** |
| 24 » » **20** | 24 » » **48** |


*La venonta n-ro de « Esperanto » eliros DIMANĈO 19 AŬGUSTO.*

## PARTO OFICIALA

### ESPERANTO EN SVISLANDO

La Svisaj Esperantistoj estas konvinkataj ke Esperanto havas tre grandan signifon precipe por ilia lando. Jam nun preskaŭ ĉiu Sviso estas devigata lerni almenaŭ 2 aŭ 3 naciajn lingvojn, la germanan la francan kaj la italan; la karaktero de Svisujo kiel vojaĝa celo por multe da fremduloj ankoraŭ postulas ke hotelistoj kaj komercistoj almenaŭ lernu la anglan kaj ofte ankoraŭ aliajn lingvojn. La cirkonstanco ankaŭ ke Svislando estas la centro de multe da internaciaj institucioj efikas ke oni multe sin interesas en nia lando pri internaciaj aferoj kaj ke oni ankaŭ nur devas saluti la efektivigon de la ideo de helpa lingvo; ĉar la diverseco de lingvoj bedaŭre tre malhelpas la senperan interkompreniĝon kaj la tempo perdita pro la necesero [illegible] tiuj ĉi fustradukoj malĝojigas ĉiun kiu dependas de tiu ĉi afero kaj devas okupiĝi pri ĝi.

Tial la propagando por Esperanto en Svisujo estas tre facila! vi diras al mi. Kontraŭe! mi respondos. Kaj kial? Se ni anoj de la Svisa Esperanta Societo iras ĉe hotelistoj kaj komercistoj aŭ ĉe aliaj personoj kiuj havas internaciajn rilatojn kaj rekomendas al ili la lernon kaj la enkondukon de Esperanto, ili tuj respondas al ni : kial lerni tion? « Ni tre volonte kredas ke estus tre utila havi unu lingvon en la rilatoj kun la fremduloj, sed ni ne bezonas Esperanton, ĉar neniu ĝin parolas; kial do ĝin lerni? Se la fremduloj parolus Esperante kaj postulus ke oni respondu en tiu lingvo ni enkondukus ĝin en niaj kontoroj.»

Tial fremduloj el la tuta landaro, amikoj kaj samideanoj niaj, ni rekomendas al Vi la jenan propagandan principon antaŭ la kongreso en Genevo : Parolu kaj postulu la lingvon Esperanto en ĉiuj hoteloj, en ĉiuj komercejoj, ĉe ĉiu homo kun kiu Vi parolos en nia lando. Diru al ili ke ili devas helpi la klopodon de la landa propaganda societo; rakontu al ili pri niaj sukcesoj kaj spertoj. Ni ja skribis multe da artikoloj por Esperanto kaj faris ĉiun eblan propagandon; la kongreso precipe vekis grandan intereson. Sed ankaŭ la kongreso meme ja havas la plej gravan propagandan celon. La kongreso ne estas la fino de nia propagando : kontraŭe ĝi estas vere la komenco de la laboro kaj devas ankaŭ plenumi tiun ĉi devon.

Neniam ni forgesu tiun ĉi propagandon celon de niaj kongresoj kaj la devon de ĉiu kongresano helpi tiu propagandon; ni esperas ke oni tre volonte tion faros en la dirita simpla, facila kaj tamen tre efika maniero.

Ni plugis la fundon, Vi semu la semojn!

Fr. SCHNEEBERGER,
Prezidanto de S. E. S.

### DUA KONGRESO UNIVERSALA en Ĝenevo.

*(de la 28ª de Aŭgusto ĝis la 6ª de Septembro, 1906), sub la prezido de Dro Zamenhof.*

#### PROGRAMO

*Mardo 28ª de Aŭgusto.*

8 h. ½ vesp. — Victoria-Hall. — Solena malfermo de l'kongreso.

*Merkredo 29ª de Aŭgusto.*

*Matene.* — Preparaj kunvenoj (komisioj, sekcioj, k. t. p.).
*Tagmeze.* — Oficiala festmanĝo.
*Posttagmeze* — Unua kunveno ĝenerala.
*Vespere.* — Teatra riprezento.

*Jaŭdo 30ª de Aŭgusto.*

Ekskurso sur Leman lago; — Ricevo en Vevey de la estraro; — Festmanĝo.

*Vendredo 31ª de Aŭgusto.*

*Matene.* — Dua Kunveno ĝenerala.
*Posttagmeze.* — Ricevo de la kongresanoj de H. Thudicum, en Châtelen'a parko; — Visito de la Ariana Museo.
*Vespere.* — Granda balo.

*Sabato 1ª de Septembro.*

*Matene.* — Kunveno de la komisioj.
*Posttagmeze.* — Tria Kunveno ĝenerala.
*Vespere*, en Victoria-Hall. — Solena fermo de l'kongreso.

*Dimanĉo 2ª de Septembro.*

Tago lasota al libera inklino de la kongresanoj. Diversaj kunvenoj.

*Lundo 3ª, Mardo 4ª, Merkredo 5ª de Septembro.*

Ekskurso en Svislando : Genève, Montreux-Oberland, Spiez, Interlaken, Mürren, Berne, Genève. Vidu poste programon.

#### ALIĜOJ

*Oficiala kongreskarto* (verda karto : 10 fr.).

Ĉiu, kiu aĉetos tiun karton, havos rajton ĉeesti je ĉiuj ajn kunvenoj de la Kongreso. ricevi ĉiujn dokumentojn necesajn por la laborkunvenoj, kaj ankaŭ aĉeti 1, 2, 3 aŭ 4 *familianajn kartojn* (blankaj kartoj : 5 fr.) por anoj de sia familio.

La kongresanoj estas petataj sendi sian aliĝon la plej eble frue por faciligi la laboron de la oficistoj kaj malpezigi la troŝarĝon dum la lastaj tagoj. La personoj kiuj prenis sur si la centrigon de la aliĝoj estas treege petataj sendi tiujn al ni regule je certaj datoj, sen atendi la lastan momenton por sendi ilin kune.

Monon oni sendu nur al la kasisto de la Loka Organiza Komitato, S-ro Jira, 7, str. des Vollandes, kaj ne al alia nomo.

La kasisto petas, ke la sendontoj bonvolu klare skribi siajn nomojn kaj eldiri detale sur la dorso de la kupono pro kiaj aferoj ili sendas la monon.

Ekz. S-ro X sendas 100 fr. kies :
10 fr. por aliĝo ;
15 fr. por 3 invitatoj ;
35 fr. por 7 tagoj de loĝado ; la ceteron kiel donaco al la kaso de l'Kongreso.

Por la poŝtaj kaj bankaj mandatoj, la sendantoj volu kalkuli, ke ofte ni ricevas perdon je la ŝanĝo, kaj en tiaj okazoj aldoni la diferencon.

Ciam skribu legeble la adreson kaj la nomon sur leteroj kaj precipe sur kuponoj de mandatoj. Jam ni havas kelkajn leterojn kaj kuponojn kies ni ne povas difini la sendintojn.

#### LOĜADO

La Kongresanoj, kiuj deziras antaŭmendi ĉambrojn, estas petataj informi nin je la sekvantaj punktoj :
1-e dato de alveno ;
2-e kiom ili volas pagi sian ĉambron;
3-e apartaj deziroj.

Samtempe ili devas sendi la respondan monsumon al nia kasisto, S-ron Jira, 7, str. des Vollandes. Nenian monon oni sendu al alia nomo.

La prezoj de la ĉambroj, en la kongresa sezono estas ordinare :

En unuaklasaj hoteloj, 6 fr. por unulita ĉambro, 10 fr. por dulita.

En duaklasaj hoteloj, 4 fr. por unulita ĉambro, 6 fr. por dulita.

En privataj domoj, 3 fr. por unulita.

La komisio povos ankaŭ havigi komunajn dormejojn por 1 fr. ĉiu lito, al la anaroj kiuj tion petos, kaj samtempe informos nin pri la nombro de anoj kaj la dato de la alveno.

*Por la komisio de loĝado :*
J. LAMON.

#### VOJAĜOJ

Oni tre ofte demandas la lokan Komitaton pri la vojaĝoj, rabatoj fervojaj, ŝipaj, kc.

Por la parto de l'vojaĝo farota ekster Svislando, oni devas sin turni al la naciaj societoj, kiuj solaj povas sin okupi pri tio.

Por la parto trairota en Svislando, la Federaj Fervojoj donas nenian rabaton. Sed estas tarifo de transporto je rabato prezo por la personoj ope vojaĝantaj.

#### FESTOJ & FESTENOJ

*Merkredo 29 Aŭgusto.* — **Granda oficiala Festeno,** en la kiosko des Bastions.
Prezo de la festena karto : Fr. 2.50.

*Jaŭdo 30 Aŭgusto,* dum la ŝipveturado sur la Lago. — **Granda festeno en Vevey,** kun festo, oficiala akcepto, rabatoj sur la ŝnurtramoj ĉirkaŭaj, ktp.
Prezo de la festa karto : Fr. 5.—.

Sin enskribu antaŭ la 15-a de Aŭgusto.

#### EKSKURSOJ

La Loka Organiza Komitato preparas oficialan ekskurson tra Svislando. Jen la programo de tiu ekskurso :

Lundi 3 sept. — Foriro de Genevo; tagmanĝo en Montreux; por Montreux-Oberland fervojo ĝis Interlaken, vespermanĝo, nokto.

Mardo 4 sept. — Ekskurso kaj tagmanĝo en Mürren ; reveno, vespermanĝo kaj nokto en Interlaken.

Merkredo 5 sept. — Foriro ; tagmanĝo en Bern ; reveno en Genevo.

Kosto (kalkulante vojaĝon, manĝon kaj ĉambron) ; II-a klaso : Fr. 57.—; III-a klaso : Fr. 47.50. Por tiuj, kiuj forlasos la anaron en Berne : II-a klaso : Fr. 52. — ; III-a klaso : Fr. 43.50.

Sin enskribu antaŭ la 15-a de Aŭgusto.

#### EKSPOZICIO

Grupoj, Societoj aŭ apartaj esperantistoj, kiuj posedas interesajn dokumentojn rilatajn al Esperanto estas forte petataj partopreni al la ekspozicio sendante ilin antaŭ la 29-an de Aŭgusto al *Esperanto-Office*, 15, quai de l'Ile, Genève.

*Poŝtkartoj :* Ni faras kolekton de ilustritaj poŝtkartoj rilataj al Esperanto kaj esperanta movado. Oni do volu sendi al ni ekzemplerojn de propagandaj poŝtkartoj, kaj precipe de tiuj sur kiuj estas videbla esperantajo, kiel kunvenejo de l'grupo, flago esperanta, kc.

*Gazetoj :* Redakcioj de ĉiuj gazetoj volu sendi al ni se eble : 1-e unu plenan kolekton (prefere binditan) kiu estos al ili resendata post la kongreso ; 2-e pakajon de specimenoj disdonotaj kun libreto por kolekti abonojn. Profito ebla por la Kongresa kaso.

*Propagandiloj* ĉiuspecaj, kiel prospektoj, afiŝoj, broŝuroj, kovertoj oficialaj de grupoj estos danke akceptataj de la komisio. Estus oportune, ke ĉiu grupo preparus sian ekspozicion ĉu en albumo, ĉu en kadro, ĉu aliel kaj ke ĉiu peco havus distingan videblan signon de la grupo. La tuto estos zorge resendata al la sendintoj, se ili esprimas tiun deziron.

*Libroj :* Ni rizervos lokon por la eldonaj firmoj, kiuj volos elmontri siajn presajojn, kaj sendos al ni kolekton da ili. Prospektojn, katalogojn senditajn samtempe ni volonte disdonos al la vizitantoj.

Ni danke ekzamenos la ideojn, kiujn niaj amikoj volos prezenti al ni pri ĉiuj punktoj de afero.

Por la Ekspozicia komisio.
Emile BERNARD.

## PARTO NEOFICIALA

### EDMONDO DE AMICIS

Ĉe la Kongresaj festoj de Esperanto en Genevo, oni havos ankaŭ teatran vesperon. Unu el plej interesantaj teatraĵoj aktotaj ĉe tiu okazo estas « Floro de l'Pasinto » de E. de Amicis, glora aŭtoro itala, tutmonde konata; ĉar kiu ne konas la nomon de la verkinto de la libro « Cuore » (koro) perlo de la literaturo, libro serĉata kaj admirata tiel de la instruistaro kiel de la lernantaro, libro tradukita en dudek du lingvoj, nun baldaŭ eldonota ankaŭ en esperanto, libro kiu en originala lingvo havis jam 326 eldonoj, kio signifas 326 miloj da ekzempleroj!

Nur tio sufiĉus jam por krei la gloron de la aŭtoro. « Submetiĝi tiom da koroj ne sukcesis eĉ Don Juan », kiel tre sprite diris Giacosa, ankaŭ li verkisto itala. Sed da belegaj libroj de E. de Amicis ekzistas grandega nombro, kaj en ĉiu la verkisto montras ke li konas profunde la sentojn, la vivadon, kaj la ĉirkaŭajon de siaj personoj, el kiu ajn mondo li ilin elektis, ĉu el la mondo infana kaj gepatra, ĉu el la vivo milita, ĉu el vaporŝipo veturanta sur la oceano, aŭ el londonaj malriĉegaj kvartaloj, ĉu el socialistoj aŭ el piulinoj. Legante la librojn de l'fama verkisto, oni ĉiupaŝe renkontas konatulojn, personojn kiujn ankaŭ oni trovis la samajn, ofte oni rekonas siajn proprajn sentojn redonitaj kaj esprimataj kvazaŭ ni konfesis ilin al la aŭtoro. Kaj la eksterajon de ĉiu oni vidas antaŭ la spiritaj okuloj tiel bone, kiel se oni rigardus pentrajon. La infaneto malsana en la lulilo, palega kun fermitaj okuloj, tiam ĝi malfermas ilin, ridetas, vokas, resaniĝas. La geknabetoj saltas, dancas, sekvadas sin, falas, ploregas, leviĝas, rekuradas, rampas sur benkoj.

Alie la lernantinoj estas fraŭlinetoj, portante ĉapelojn kun plumoj, kaj rubandoj, donante al ploranta kamentubisteto moneron pro kiu ili volis aĉeti florojn aŭ kajerojn, nur por ke la nigravizaĝa knabo ne estu batota de sia mastro. En aliaj libroj ankoraŭ ni vidas ĉu grandan knabon, defendantan la malfortajn, ĉu suban soldaton serĉante pajlon tre malproksime, kvankam li mem estas laca post la marŝado, nur por ke lia estro, la oficiro, havu sur kio kuŝi, ĉar la tero estas malseka.

Noblaj figuroj de instruistoj, de suferantoj, de herooj, en ĉiu kondiĉo kaj aĝo, de noblaj intimaj karakteroj tiel ke Edm. de Amicis povas esti nomata ne nur Komendatoro kaj Konsilano sed la granda popolinstruisto.

Kaj anstataŭ elĉerpi sian provizon per la riĉega produktado, ŝajnas ke li ĝin ĉiam pligrandigas. Tiel oni havas senfinajn

surprizojn, elirantajn el lia majstra plumo. Ekzemple la lastan jaron okazis la eldono de l'« Idioma Gentile » libro pri kiu li studadis, kolektis esprimojn belajn, florojn de lingvo, montrante la belecon de la justa propra parolado, kaj apude la ridindaĵojn de nezorgema, nepripensa aŭ ne ĝusta maniero ; libro tiel perfekta, ke la Ministro de l'Instruado rekomendas ĝin al profesoroj kaj al ĉiuj instruistoj.

Okaze de la tertremo en Suda Italujo li tuj oferis historieton kortuŝantan el sia kara Monto Cervino « Kverko kaj floro » kiun oni legis en Torino en la vesperfesto por la suferantoj ; la traduko en Esperanto estas farita kun permeso de la aŭtoro, de R. Junck kaj eliros post kelkaj tagoj el la esperantista Presejo en Parizo.

Post la terura malfeliĉo okazinta fajropluvo de l'Vezuvjo li skribis la unuaktan drameton « La Floro de l'Pasinto » kiun la noblaj gesinjoroj en Romo ludis por havigi monon al malfeliĉuloj. Tiu-ĉi drameto, simpla kaj kortuŝanta, elprenita el la vivo itala estos ludata en Genevo de Esperantistoj diversnaciaj. La tradukajon de R. Junck oni presas en Basel'o, kaj en malmute da tempo ĝi estos aĉetebla.

Sed kio faros la plej grandan famon kaj gloron de Edm. de Amicis estas lia bonkoreco, lia dankemeco pro ĉiu pruvo de estimo kaj amo, lia elegante simpla maniero ricevi kaj doni, saluti kaj manpremi, rideti kaj legi en la okuloj, kion oni pro timo aŭ grandega respekto ne povas diri. Tial preter la admirantojn li havas verajn amikojn, kiuj lin tutkore amas (ne ofta vidajo ĉe gloraj personajoj), amikoj, al kiuj la honoroj farataj al liaj verkoj kaŭzas pli da plezuro ol iu propra feliĉo.

Ni esperu vidi la gloran verkiston aŭ lian filon (advokato kaj bravega Alpturisto) ĉe la esperantistaj festoj en Genevo.

Rosa JUNCK
Profesorino de Lingvoj.

## DIVERSAĴOJ

*Kristana Celado.* — La merkredon lastan okazis en l'« Auditorio » de Genevo la lastan esperantistan kunvenon de la Universala Kongreso por Kristana Celado. Oni memoras la artikolon en nia lasta numero pri la unua kunveno, en kiu estis nomita komisio por studi diversajn demandojn. La traduko de « Christian Endeavor » estis tiel tradukita *Kristana Celado*, kaj la jena decido estis akceptita unuvoĉe.

Decido akceptata de la societoj de Kristana Celado de multegaj landoj kiuj interesas sin pri la propagando de la lingvo internacia esperanto kaj kiuj estas konvinkitaj ke ĝia disvastigado helpegos la universalan kristanan fratecon, kaj progresigos tra la mondo la regnon de Kristo, rekomendas la ellernon de Esperanto al niaj gefratoj en ĉiuj landoj kaj petas la estraron kaj la kondukantojn de ĉiuj naciaj unuiĝoj konsili kaj iniciati la akiron de tiu ĉi nova ligilo kiu kunigas niajn horojn en am kristana.

En tiu kunveno, prezidata de S-ro Pastro Horace Dutton, estis riprezentataj dek sep (17) diversaj nacioj. Oni multe rimarkis la flagon esperantistan kaj belegan norvegan flagon broditan je esperantaj devizoj.

⁂

*Sur la Lemana Lago.* — Jam monaton antaŭ la Kongreso la flago kun verda stelo ekflugetis nun sur la bela Lemana Lago. Niaj fervoraj propagandistoj Pastro Schneeberger, S-no Junck kaj kelkaj samideanoj troviĝis en vaporŝipo kaj la aminda ŝipestro permesis al ili suprenigi la standardon.

La fremduloj demandis pri la signifo, kaj aŭdante, ke ĝi estas la signo de la Lingvo Internacia, petis klarigojn, adresojn, foliojn kaj ŝlosilojn. Ni esperu ke ankaŭ la semo disjetita sur la lago donos fruktojn ! R. J.

⁂

En 1907 okazos en Bordeaux granda *Internacia marista ekspozicio.* La grupo esperantista de Bordeaux deziras aranĝi esperantan sekcion kaj petas ĉiujn societojn, grupojn kaj individuojn, sendi al ĝi por tio ĉiuspecajn dokumentojn kaj propagandilojn (libroj, circuleroj, afiŝoj, poŝtkartoj kaj objektoj kun la marko *Esperanto*).

Por sciigoj oni sin turnu al S-ro Bignié, 66, cours Gambetta en Talence, Gironde aŭ al S-ro Sam. Meyer, ŝipmakleristo en la Rochelle.

⁂

*Tra niaj kolegoj.* — Ni legas en « Tra la Mondo »:

« Kun iom da miro ni legis en revuo, kiu titolas sin « Revuo por Esperanto » artikolon kritikan kontraŭ la prezo de la kongreskarto. La aŭtoro diras, ke la kartoj kostis nur 3 fr. en Bulonjo, sed li forgesas ke, je la fino de la kongreso, restis deficito. Estas necesege, ke tia deficito ne okazu tiun ĉi jaron, kaj estas timeble ke ĝi ekzistus ankaŭ, se multaj revuoj agus kiel faris la aludita.

« Kiam oni faras specialan vojaĝon por iri Genevon, ŝajnas malfacile kredeble ke oni ŝancelus elspezi 5 fr. anstataŭ 3, aŭ 10 fr. anstataŭ la kosto de la karto kaj de la dokumentoj, kiujn oni devis aĉeti en Bulonjo. »

Proteste kontraŭ tiu stranga maniero helpi je tasko jam per si mem nefacila, multaj aligantoj sendis donace al la Kongreskaso ian sumon preter la necesan. Dankon al ili.

⁂

El la « Belga Sonorilo » pri la jam konataj *Kvarvocaj Kantoj* :

« Kiel montras la titolo, la kantoj estas komponitaj por kvar voĉoj. Tion vidante, ni demandis nin : ĉu ne estus eble organizi internacian ĥorkantistaron ĉe la Geneva Kongreso ? Jen estas la plano tuj elpensita.

« Car la kantoj supre montrataj estas tre mallongaj, prezentas nenian teĥnikan malfacilaĵon kaj estas, sekve, tre facile ellerneblaj, ni proponas ke ĉiu Esperantisto acetu la libreton (almenaŭ se li intencas ĉeesti la Kongreson kaj posedas iomete da kant-kapablo) kaj lernu, el ĉiu kanteto, la parton, kiu rilatas lian voĉon. Plie, ĉiu esperantista grupo instruu la ses kantojn al siaj muzikamantoj ; tiamaniere, se kelkaj el tiuj ĉi iros Genevon, ili estos jam spertaj pri la afero. Se ĉiu amiko musik-amanto, bonvolos efektivigi tiun planon ni certe sukcesus kunigi kvindekon da kantistoj diversnaciaj. »

La verketo ***Kvarvoĉaj Kantoj***, eldonita de la Brita Esperanta Asocio, kostas fr. 0 60, afrankite en ĉiu lando fr. 0 75.

Jam multaj grupoj lernis tiujn ĥorojn, precipe la lastan, la « Espero » kun la muziko de la bedaŭrinda samideano A. Motteau. Certe tio estus meritita saluto al lia memoro, se ni ĥore kantus tiun pecon dum la Kongreso.

## Ritma Gimnastika metodo

de S-ro Jaques Dalcroze

Tiu metodo celas :

1-e. — En la kursoj preparaj de muzika ritmo (por ses-ĝis dekdujaraj infanoj, ne ankoraŭ eklernintaj la muzikon aŭ jam komencintaj instrumentan lernadon), kreskigi ĉe la infanoj instinkton de l'ritmo kaj de l'akcento, kaj enigi ĉe ili la senton de l'metrikaj valoroj. Fondita sur kombinadoj de tutkorpaj movoj, egalpartiganta la mezuron, stare kaj marŝe, ĝi kreskigas, samtempe kiel la instinkton de l'muzika ritmo, tiun de l'korpa ritmo kaj de l'ĝenera la harmonio de l'formaj movoj, ekzercadas la volon kaj instigas vekon de la konscienco pri fizikaj kaj spiritaj interrilatoj.

2-e. — En la kursoj superaj de ritma kaj estetika gimnastiko (por junulinoj dektri-ĝis dekokjaraj).

*a*) korekti la kutimojn de muzika misritmo, manko de mezuro, akcelado, metrika nereguleco, nerveco, nekapablo je ĉevida legado, kp.), samtempe kiel la kutimojn de forma misritmo (nereguleco de paŝado, malmoleco de l'movoj, ĝenerala nerveco, apatio).

*b*) kreskigi la senton de l'muzika ritmo, reguligi kaj harmoniigi la movajn kutimojn, ekvilibrigi la sintenadon kaj la gestojn, fortigi la volan povon, naski kaj krei la naturan ĉarmon de l'movoj.

La edukado kiu enhavas specialan gimnastikon de l'spira organaro, estas racionala edukado de l'ritmo kaj de l'spirada vasteco ; ĝi certigas rapide largigon de l'brusta kavajo, la plivastigon de l'pulmoj, vastigas rimarkinde la voĉon kaj tre bone preparas al la studado de l'kanto.

3-e. — En la normalaj kursoj por la geplenaguloj prepari al la instruado de la metodo.

(*Komunikita*),

## TEATRA VESPERO

### DEMONO

(de M. LERMONTOV)

Mi ĵuras je unua horo
de mond', je ĝia horo lasta,
je krimo ĵuras malhonora
kaj je triumf' de vero ĉasta ;
mi ĵuras je turment' de falo,
de venko je revado pala ;
mi ĵuras je kun vi sinvido
kaj je disiĝo atendata ;
de spiritaro je kunsido
je ĝia sorto malamata,
je fratoj subpotencaj miaj,
je glavoj de anĝeloj sanktaj,
belegaj, fortaj, senpasiaj,
senfine min malestimantaj,
kaj je ĉielo, je infero,
je vi kaj je sankteco tera ;
je lasta ĵuras horo mia
kaj je unua larmo via ;
je spir' de via buŝo bela,
de silka bukl' je ondo hela,
je amo ĵuras mia tera
kaj je feliĉo, je sufero, —
malnovan venĝon malkonfesas —
mi tute malkonfesas ankaŭ
fierajn pensojn, kaj promesas,
ke nun jam de nenia flanko
mi per venen' de flato bela
al iu ektumultos koron.
Mi tute ŝanĝos mian moron,
paciĝos mi kun Di' ĉiela,
ĉar volas mi jam cedi ;
mi volas preĝi, senti amon,
mi volas ankaŭ bonon kredi,
mi verŝos mian pentan larmon,
kaj ĝi tuj mem de frunto mia
je vi inda, mia bela,
forviŝos signojn de ĉiela
sanktega fajro, — mond' malpia
jam floros en nescio sia
sen ni, trankvile kaj sen bruo !
Ho, kredu : mi ĝis nun unua
komprenis vi, kaj vin elektis
por mi sanktejon, kaj potencon
mi ĉe piedoj viaj metis ;
min amo vin kiel dono
altiras, — kaj mi eternecon
al vi proponas por momento, —
en amo, kiel en malbono
tre granda estas mia sento
kaj ne ŝanĝema — ho, Tamaro !
al mi vi kredu, mia kara.
Mi, fil' libera de etero,
vin, dian kreitajon belan,
forprenos de malbona tero,
kun mi en landon superstelan,
kaj estos vi de mond' reĝino,
unua mia amikino !

(Traduko de V. Devjatnin.)

## Tabelo de la Ĉefaj Hoteloj de Ĝenevo

**kun la mezaj tarifoj.**

*NOTO. — La prezoj de la mangoj ne entenas la prezojn de la vinoj.*

| | Nomoj de la Hoteloj | Cambro. | Matemango. | Tagmango. | Vespermango. | Por la tuta tago. |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | MEZAJ PREZOJ. | | | |
| MALDEKSTRA RIVERBORDO | Métropole | 6. » | 1.50 | 4. » | 5. » | 16.50 |
| | Victoria | 4.50 | 1.50 | 3. » | 4. » | 13. » |
| | Moderne | 3.50 | 1.25 | 3. » | 3. » | 9.75 |
| | Parc | 4. » | 1.50 | 3. » | 3.50 | 12. » |
| | Paris | 3.50 | 1.25 | 3. » | 3. » | 9.75 |
| | Poste (²) | 3.50 | 1.50 | 3.50 | 3. » | 11.50 |
| | Alpes | 3. » | 1.25 | 2.50 | 3. » | 9.75 |
| | Europe | 3.50 | 1.25 | 3. » | 3.50 | 11.25 |
| | Balance (²) | 4.75 | 1.25 | 3. » | 3.50 | 12.50 |
| | Mont-Blanc | 3.50 | 1. » | 2.50 | 3.50 | 10.50 |
| | Nord | 3.50 | 1. » | 2.50 | 3.50 | 10.50 |
| DEKSTRA RIVERBORDO | National (²) | 6. » | 1.50 | 4. » | 6. » | 17.50 |
| | Angleterree | 5. » | 1.50 | 4. » | 5. » | 16.50 |
| | Bellevue | 4.50 | 1.50 | 4. » | 5. » | 15. » |
| | Beau-Rivage | 5. » | 1.50 | 5. » | 6. » | 17.50 |
| | Paix | 6. » | 1.50 | 3.50 | 5. » | 16. » |
| | Bergues (²) | 5. » | 1.50 | 3.50 | 4.50 | 13.50 |
| | Genève (²) | 3.50 | 1.20 | 3. » | 3.50 | 11.25 |
| | Bristol | 3.50 | 1.25 | 2.50 | 3. » | 10.25 |
| | Lac (²) | 3.50 | 1.50 | 4. » | 3.50 | 12.50 |
| | Central (²) | 3.50 | 1. » | 2.50 | 3. » | 10. » |
| | Pension Fleischmann | 3. » | 1. » | 2.50 | 3. » | 9.50 |
| | » des Familles | 3. » | 1. » | 2. » | 1.50 | 7.50 |
| | » Louis Frey | 3. » | 1. » | 2. » | 2.50 | 8.50 |

(¹) Kun unu lito.
(²) La « Voyages pratiques » donas rabatfoliojn por la hoteloj.




## Gazetoj Esperantistaj

Oni povas aboni ĉiujn gazetojn Esperantistajn ĉe l'Administrado de « Esperanto ». Aldoni po 0.10 por korespondaj elspezoj. Nenia garantio de regula apero.

**Lingvo Internacia,** duonmonata revuo por Esperanto, eliranta la 1-an kaj la 15-an de ĉiu monato.

Jara abono : sen literatura aldono 5 frankoj, kiun sumon oni sendu laŭeble per poŝta mandato. (Por papermonoj ni kalkulas : 5 frankoj = 2 rubloj = 4 germ. markoj = 4 ŝilingoj = 1 dolaro = 2,50 hol. floreno = 4 skand. kronoj = 5 aŭstro-hungaraj kronoj.) — Kun literatura aldono 7 fr 50.

Prezo de ĉiu numero : 40 centimoj ; numero de la Kongreso : 60 centimoj.

**Tra la Mondo,** tutmonda multilustrata revuo monata, tute en Esperanto. — Nuntempajoj, Pri Esperanto, Arto kaj Literaturo, Sciencoj, Komerco kaj Industrio, Militistaro, Maristaro, Teatro, Sportoj, Virina kaj Gejunula paĝo, Felietono, Konkursoj kun valoraj monaj premioj. — Ĉiuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l'landoj aludataj. — Jare 8 frankoj ; kvaronjare, 2 fr. 25. — Redakcio : S-ro Montrosier, 8*bis*, rue de l'Ecu d'Or, Orléans ; Administracio . 15, Boulevard des deux Gares, Meudon (S.-et-O.) France.

**Espero Katolika,** 32-paga revuo monata tute en Esperanto, malfermata por ĉiuj. Rakontoj, artikoloj pri nuntempaj aferoj, ŝakoj, k. c. Jare : 5 fr. (en Franclando 4 fr.) Presejo A. Barbot, 15, rue Etienne Pallu, Tours (France).

**Espero Pacifista,** monata organo de l'*Internacia Societo Esperantista por la Paco* (krom avizo kontraŭa, la abonintoj estas enskribitaj kiel aliĝantoj al la Societo). — Jara abono (aŭ minimuma kotiza) · 5 frankoj. La Societo akceptas ankaŭ opajn aliĝojn. Sin turni al S-ro Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France).

**Internacia Revuo Medicina,** monata organo por praktika medicino, redaktata en Esperanto kaj diversaj lingvoj naciaj, de diverslandaj kuracistoj. Celas ne nur la Esperantan, sed ankaŭ la kuracistan utilon. Jara abono : 7 fr. (en Franclando 6 frankoj). Paris, 33, rue Lacépède.

**Esperanta Ligilo,** ĉiumonata revuo, Th. Cart. ĉefredaktoro, 12, rue Soufflot, Paris V. — Abonkosto : 3 fr. jare.

**Juna Esperantisto,** illustrata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj. Eliras monate Literaturajoj, teatrajoj, karikaturoj. Jara abono : 2 fr. 50. *Presa Esperantista Societo*, 33, rue Lacépède, Paris.

**L'Esperantiste,** oficiala revuo de la Societo franca por la propagando de Esperanto, 24 paĝoj (formato 15 × 20) da teksto franco-Esperanta aŭ nur Esperanta, 8 paĝoj kovrilaj (nomaroj de Esperantaj verkoj kaj de ĉiuj grupoj de la S. f. p. E,), *Internacia Korespondato Esperanta* senpage disponebla por la abonantoj — 3 fr. 50. *Jarabono* (1-a de januaro, aprilo, julio, oktobro en Francujo 3 fr., ekster Frankujo : 3 fr. 50; kun enskribo en la Francan Societon : 4 fr. ĉie. —

**La Belga Sonorilo,** organo de la Belga Ligo Esperantista. Eliras 12 fojojn jare. Redaktata France, flandre kaj esperante. Jara abono : 4 frankoj. — Redaktoro-administranto, al kiu oni ĉion sendu : J· Coox, Duffel, Belgique.

**Sviza Espero**, oficiala organo de la Svisa Esperantista Societo (S. E. S.), Jara abono (kun membriĝo de la S. E. S) en Svislando 2 fr. en aliaj landoj 2.50. Sin turni al S-ro D-ro Th. Renard, 6, Vieux-Collège, kaj por Franclando Arlod (Ain). – IV-a jaro.

**Germana Esperantisto,** organo de diversaj germanaj grupoj esperantistaj. Eliras 12 fojojn jare. Redaktata germane kaj esperante. Jara abono 4 frankoj. Administracio kaj Redakcio : Esperanto Verlag, Möller & Borel, Berlin, S., 95, Prinzenstrasse.

**The British Esperantist,** oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio ; 12 paĝoj da novajoj k. c. anglo-Esperante, kaj 8 paĝoj da Aldono tute en Esperanto. Jare 4 fr. (sen Aldono, 2 fr.) – Oni abonas ĉe la Sekretario de la B. E. A. 13 Arundel Street, Stand, London.

**Ruslanda Esperantisto,** ĉiumonata organo de la Societo « Espero » en Esperanto kaj parte en rusa lingvo. — La detalaj prospektoj estas estas riceveblaj senpage. — Adreso : Ruslando, St.-Peterburgo, B. Podjaĉeskaja, 24, la Societo « Espero ». — La jara abonpago (kune kun membriĝo en la Societon) 3 rubloj (7 fr. 50).

Aliaj gazetoj ekzistas en lingvoj bohema, bulgara, hispana, hungara, sveda, ktp. Informojn laŭ peto al « Esperanto ».

## « LA REVUO »

Internacia monata literatura gazeto
kun la konstanta kunlaborado de D-ro LL. Zamenhof.

Tiu nova speciala Revuo, tute redaktata en Esperanto, estas pure literatura ; ĝi enhavas : novelojn, romanojn, poeziojn, komediojn, dramojn, seriozajn studojn pri historio, geografio, statistiko, popolmoroj, k.c., kronikon tre mallongan pri la ĉefaj mondaj okazintajoj, bibliografion.

Ĉio politika, religia, aŭ kio povas naski disputojn, estos malakceptata de la Redakcio.

D-ro L. L. Zamenhof sola povos verki artikolojn pri la lingvo.

La 1-a numero aperos la 1-an de septembro 1906. okaze de la II-a Universala Kongreso de Esperanto. Ĉiu numero 0 fr. 50 — jara abono 6 fr. en Franclando ; 7 fr. en aliaj landoj. Ĉiu numero enhavas almenaŭ 48 paĝojn. Librejo Hachette kaj k-o, 79, Boulevard Saint-Germain, Paris.

